Dumonata. N-ro 9 Marto 1948

BULTENO DE

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

Pour renseignements au sujet de l'Espéranto, s'adresser : Om inlichtingen over Esperanto, wende men zich :
**230, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gent).**

## 32a BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

La nacia Kongreso okazinta pasintan jaron en Antverpeno lasis neforgeseblajn memoraĵojn. La bela programo preparita de niaj Antverpenaj amikoj, gvidataj de nia Vic-Prezidanto Maurice Jaumotte, disvolviĝis regule, kaj la suno mem helpis per siaj brilaj radioj al la sukceso de la Kongreso.

Tiuj, kiuj devas prepari la nunjaran Kongreson troviĝis antaŭ malfacila tasko : fari tiom bone, kiom faris la antaŭuloj !

Kaj tamen ili sukcesis starigi programon diversan kaj interesan, kiu povos kontentigi la plej postulemajn.

Sed ni ja forgesas diri al vi kiun urbon ni vizitos tiun ĉi jaron...

AL CHARLEROI

ni ĉiuj pasigos la Pentekostajn tagojn.

Por nin akcepti la Loka Grupo starigis Kongresan Komitaton, gvidatan de S-ro Advokato Juste. La sekretario estas S-ro Charles, la kasisto estas S-ro Paulus. Kaj jen la PROGRAMO, kiun ili prezentas al ni.

**Sabaton, la 15an de Majo.**

Je la 15a : Malfermo de la Akceptejo, en HOTEL DE L'ESPERANCE, apud la Stacidomo.

Je la 17a : Laborkunsido. Kunsido de la Ĉefdelegito kaj Delegitoj de U. E. A. Diversaĵoj.

Je la 20a : Interkonatiĝa vespero. Diversa programo : muziko, kantado, prezentado de filmoj pri pasintaj kongresoj.

**Dimanĉon, la 16an de Majo.**

Je la 9a : Por la Katolikoj, Diservo kun prediko en Esperanto.
Je la 10a : Akcepto en la Urbdomo.
Je la 11a : Solena Kunsido de la Kongreso.
Je la 13a : Komuna tagmanĝo.
Je la 15a : Vizito de unu el la grandaj ferfabrikoj.
Je la 19a : Festeno, sekvata de balo.

**Lundon, la 17an de Majo.**

Ekskurso al Loverval, ĉarma loko, la plej bela en la ĉirkaŭaĵo, kien ni veturos per tramo. Ni tie pasigos la tagon, promenante aŭ ripozante, remante aŭ naĝante, ĝuante la freŝan atmosferon. Tagmanĝo estas havebla surloke. Posttagmeze, reiro laŭdezire al Charleroi, por ke ĉiu povu ĝustatempe reveturi hejmen.

**La aliĝojn oni sendu senprokraste al L. K. K., rue du Grand-Central, 60, Charleroi.** Aliĝilo troviĝas sur la antaŭlasta paĝo.

LEEST HET ARTIKEL IN HET NEDERLANDS, blz. 78
— LISEZ L'ARTICLE EN FRANÇAIS, page 79 —

**ALIĜU TUJ AL LA KONGRESO!**

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Societo sen profita celo.

### ĜENERALA LAŬLEĜA KUNSIDO

La anoj de R. B. L. E. estas petataj ĉeesti la jaran kunvenon, kiu okazos dimanĉon 18an de Aprilo, je la 15a horo, rue au Beurre, 40, Boterstraat, Bruselo.

**Tagordo :** 1. Raporto de la administrantaro; 2. Aprobo de la bilanco 1947; 3. Fiksado de la kotizo; 4. Budĝeto 1948; 5. Laŭstatutaj elektoj; 6. Diversaĵoj.

Rimarkoj. — 1. La grupoj estas petataj proponi kandidatojn por la administrantaro. 2. Liganoj, kiuj ne povus ĉeesti la ĝeneralan kunsidon, povus anstataŭiĝi sin de alia membro, donante al ĝi skriban ateston.

La ĝenerala sekretario : C. VANDEVELDE. La prezidanto : P. KEMPENEERS.

---

## ESPERANTO KAJ KOMERCO

En rubriko « La internaciaj tagoj dum venonta foiro », la unua numero de « France-Monde », Oficiala Bulteno de la internacia foiro de Lyon, anoncas ke la asocio « Esperanto kaj Komerco » kunigos siajn membrojn dum la Foiro, dimanĉon la 11an de Aprilo 1948. De ĉiam en la penso de ĉiuj esperantistoj, la internacia lingvo, devis helpi al praktikaj internaciaj interŝanĝoj. Nuntempe, kiam plimultiĝas la internaciaj rilatoj, pli kaj pli sentiĝas la neceso kaj utileco de nacia helplingvo. La uzado de la lingvo Esperanto en rilatoj inter komercistoj el ĉiuj landoj, alportos al la homaro pruvon ke Esperanto ne nur estas la lingvo de idealistoj, sed ke en financaj kaj komercaj rilatoj ĝi helpos la homojn akiri profitojn. La asocio « Esperanto kaj Komerco » kiu antaŭ la milito estis bonega ligilo, denove agas. Ĝi havas oficialajn perantojn en multaj landoj. La unua listo de esperantistaj komercistoj entenas 63 nomojn. Sendube niaj belgaj samideanoj nepre deziros uzi tiun okazon interrilati kun samfakanoj kaj samtempe pruvi al la ekstera publiko la praktikan valoron de nia lingvo.

La provisora kotizo por Belgujo estas 60 belgaj frankoj kiujn oni bonvole pagu al mia poŝtĉekkonto 2368.04.

La perantino por Belgujo :
S-ino J. PLYSON,
185, rue Jourdanstraat, Bruselo.

---

## EVOLUTIE DER TALEN

Wanneer, vóór onze tijdrekening, de Pheniciërs een alphabet uitvonden, en later, wanneer de Grieken het alphabet der Pheniciërs verbeterden, was hun doel « schrijven zoals men spreekt ». De Grieken hebben het phonetisme der orthographie verwezenlijkt. Doch, nadien is het mensdom, op dit gebied, achteruitgegaan. In sommige talen is onenigheid ontstaan tussen spraak en schrift; dit is te wijten niet enkel aan de grillen der volkspraak, maar ook aan de schrijvers die de letterkundige taal gevormd hebben, omdat ze in hun werken sporen van klanken die men niet meer uitsprak wilden behouden. Zo heeft de Franse taal, die uit het latijn gesproten is, een etymologische orthographie ontvangen. De Italiaanse taal, die ook uit het latijn gesproten is, heeft een orthographie veel meer phonetisch. In het Nederlands, waar de afwijking tussen spraak en schrift maar gering is, tracht men ze nog te verminderen. Maar in het Engels is de onenigheid schrikkelijk voor de vreemdeling die deze taal moet leren.

Principieel hebben drie *spraakkundige geslachten* moeten dienen om onderscheiding te maken tussen mannelijke wezens, vrouwelijke wezens en concrete

of abstracte dingen zonder geslacht (zo is de definitie door *Larousse* gegeven). Doch, reeds in de oude tijden is wanorde ontstaan in de spraakkundige geslachten. Aangezien sommige levenloze dingen in het mannelijk of in het vrouwelijk gerangschikt werden, heeft het onzijdig zijn nut verloren; uit enige talen is het verdwenen (Frans, Italiaans). Wezenlijk heeft het Engels de grammaticale geslachten weggelaten : inderdaad zijn in 't Engels het lidwoord en het bijvoeglijk naamwoord onveranderlijk.

Na eeuwen wanorde komt men zo tot orde en eenvoud.

VERVOEGINGEN. — *Frans :* j'aime, tu aimes, il aime, nous aimons, vous aimez, ils aiment.

*Latijn :* amo, amas, amat, amamus, amatis, amant.

*Italiaans :* amo, ami, ama, amamo, amati, amano.

*Nederlands :* ik bemin, gij bemint, hij bemint, wij beminnen, gij bemint, zij beminnen.

*Engels :* I like, you like, he likes, we like, you like, they like.

*Esperanto :* mi amas, ci amas, li amas, ni amas, vi amas, ili amas.

De hierbovenstaande regels vergelijkend, ziet men dat de verandering van uitgangen der werkwoorden nutteloos is, wanneer men voornaamwoorden gebruikt.

Men kan ook de talen vergelijken ten opzichte van de uitgangen in het meervoud der naamwoorden en der bijvoeglijke naamwoorden; ten opzichte van de onveranderlijkheid of van de flexie der wortels; en van andere eigenaardigheden tussen dewelke iemand, die een vreemde taal moet leren, verdwaalt. En voor ieder punt kan men bemerken dat de ene taal, meer dan een andere, naar eenvoud heeft geëvolueerd. Maar zulke evolutiën, indien ze niet methodisch geleid worden, eisen eeuwen.

Het Esperanto is het geniaal werk van een Pools geneesheer, Dokter L.-L. Zamenhof, die de samensmelting der Europese talen heeft verwezenlijkt, de waardevolle elementen bezigende en de nutteloze verwerpende (onder andere de verscheidenheid der vervoegingen). Hij heeft zo, *op natuurlijke wijze*, een hulptaal gevormd die gemakkelijk te leren is, en bekwaam de meest abstracte gedachten uit te drukken. Deze hulptaal is bestemd om de internationale intellectuele samenwerking te vergemakkelijken, waaraan onze wereld de grootste behoefte heeft. Zij is NIET bestemd om de nationale talen af te schaffen; alleen slecht ingelichte, of onbevoegde, personen schrijven aan de hulptaal zo een rol toe.

C. V.

---

## POURQUOI ?

Le mètre, unité internationale basée sur la mesure du quart d'un méridien terrestre, se présentait, il y a cent cinquante ans, à tous les peuples de la terre comme un moyen de faciliter la détermination des quantités dans les opérations commerciales ou autres, et de préciser les renseignements scientifiques. Le mètre fut, peu à peu, adopté en Europe et en Amérique; mais l'Angleterre ne l'accepta pas, parce que... cela venait de France. Actuellement encore elle emploie ses anciennes mesures dont les divisions ne sont pas décimales, ce qui complique les calculs et alourdit l'enseignement primaire.

Les Anglais, grands navigateurs, font usage de cartes sur lesquelles le méridien de Greenwich est l'origine des longitudes. Les Français, grands géographes, font des cartes où cette origine est le méridien de Paris. Cette dualité est cause d'erreurs pour qui n'est ni Anglais ni Français. Mais la France ne reconnait pas d'autre origine des longitudes que SON méridien de Paris, malgré l'emploi plus général du méridien de Greenwich.

En 1892, pour régulariser les horaires des transports internationaux, la plupart des nations adoptèrent le système des fuseaux géographiques, entre lesquels l'heure légale diffère exactement de 60 minutes. Mais encore, à cause du méridien

zéro, la France ne voulut pas adopter l'heure occidentale (celle de Greenwich), qui diffère de 9 minutes et 21 secondes de celle de Paris. A plusieurs reprises, entre 1892 et 1914, le Parlement français refusa la proposition de ralliement à l'heure occidentale; finalement un député du Nord, l'abbé Lemire, parvint à faire accepter le régime que voici : l'heure officielle en France est *celle du méridien de Paris, retardée de 9 minutes et 21 secondes*. Le panache était sauf.

Ces exemples de désaccord, sur des questions plutôt secondaires, montrent combien il est illusoire de penser que comme langue auxiliaire internationale, dont le besoin devient urgent, on adoptera un jour la langue d'un grand pays. Les délégués de celui-ci auraient, dans les assemblées internationales, le privilège de pouvoir développer leur avis complètement et brillamment, tandis que les délégués d'autres pays, devant s'exprimer en une langue étrangère fourmillant de difficultés, comme toutes les langues historiques, ne pourraient que balbutier.

K. P. D.

## 33a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

### Malmö 1948.

*Statistiko.* — La 1an de Januaro estis ricevitaj 753 aliĝoj el 23 landoj.

*Aliĝoj* kaj informiloj estas riceveblaj de Belga Ligo Esperantista, 19, avenuo Montjoie, Uccle. Aldonu poŝtmarkon por la respondo.

Vojaĝo al la Kongreso, per aviadilo, estas en preparo. Se estos sufiĉe da partoprenantoj la prezo estos pli malalta ol tiu de vojaĝo per fervojo kaj ŝipo. Krome ĝi estos multe pli facila kaj malpli laciga. Interesatoj sin turnu al S-ro A. Van de Velde, Buffelstraat, 3, Gent.

## KRONIKO

— ESPERANTO ĈE KINEMATOGRAFO. — La gazeto *Het Volk* (Gent), 27 Februaro 1948, konigis ke la Nederlanda Ministro por Rekonstruado mendis tri filmojn pri la promilitaj detruoj kaj pri la rekonstruo : la urbo Arnhem, la insulo Walcheren kaj la tuta Nederlando. Post elmontrado en Nederlando, tiuj filmoj rondiros en aliajn landojn; tiucele la Ministro mendis kuntempigon de la bildoj kun dialogoj en la lingvo Esperanto.

— ESPERANTO ĈE RADIOFONO. — Intervjuo okazis antaŭ la mikrofono en Zaandam, la sepan de Februaro : la tiea urbestro, S-ro In 't Veld, kiu estas ankaŭ parlamentano diris sian miron kiam li unuafoje ĉeestis kunvenon de esperantistoj el diversaj landoj; li mem, ne esperantisto, legis, okaze de tiu kunveno, esperantlingvan salutparoladon, kaj estis tute komprenata. Li komparis tiun rezultaton kun tiu de kongreso, kiun li ĉeestis en Paris; tie la oficialaj lingvoj estis la franca kaj la angla; tiu kongreso estis enuiga pro la tradukoj kaj miskomprenoj. Kvankam la « atendismo » ne jam estas venkita, S-ro In 't Veld pensas ke Nederlando ne estos la lasta por enkonduki oficiale Esperanton en la lernejojn.

— ESPERANTO KAJ TURISMO (Leuven-Louvain). — La 3an de Aprilo 1948 (sabato), kvin jarcentoj estos pasintaj post la masono de l'unua ŝtono de la urbdomo en Leuven. Tial la urbestraro estigis programon pri solenajoj.

*Sabaton*, la 3an de Aprilo, en la urba teatro : je 17 h. Akademia Kunsido; je 20 h. koncerto el verkoj de Lovanaj muzikverkistoj.

*Dimanĉon*, 4an de Aprilo, solenajo en la preĝejo Sankta Petro, kaj malfermo de arta ekspozicio en la gotika salono de la urbdomo.

La 23an de Majo reklama veturilaro irados en la urbo.

La 11an de Julio, historia veturilaro rondiros por memorigi la starigon de la artoriĉa urbdomo; la 11an de Septembro aŭdiĝos potenca kantato.

Dank'al la klopodoj de nia samideano H. J. Boving, delegito de U. E. A., la sekretario de l'Festkomitato akceptis ke la eldonotaj broŝuroj rilataj al tiuj solenajoj enhavos, parte, esperantan tekston; eĉ flugfolioj estos tute en Esperanto. La sekretario intencas ankaŭ uzi Esperanton por interesi pri Loveno fremdajn turistojn.

— ALVOKO AL BONVOLEMULOJ. — Karaj Samideanoj, mi estus tre danka al vi se vi sendus al mi eltranĉaĵojn el nacilingvaj gazetoj, en kiuj estas pritraktita la temo de internacia lingvo. Informoj pri redaktaĵoj por aŭ kontraŭ Esperanto estos tre utilaj por nia propagando. Sciigoj pri iu ajn propono de alia helpa lingvo estus ankaŭ utilaj. Por ke la informaĵoj estu bone uzeblaj, estas necese ke mi eksciu pri la titolo kaj la redakcia adreso de la gazeto, kaj ankaŭ pri la dato de l'redaktaĵo. Tiaj informoj estas sendeblaj kiel « presaĵoj ». Mia adreso estas montrata sub la titolo de nia Bulteno. Mi antaŭe dankas ĉiujn bonvolemulojn, kiuj faros tiun facilan servon.

Mi ankaŭ petas permeson memorigi al la bonvolemuloj ke la petskribado al O. N. U., favore al Esperanto, ne estas finita. Estas rimarkinde ke krom la atentigo al O. N. U., alia rezultato estas atingebla per la deklarfolioj : tiu rezultato povas eĉ esti grava : la sperto montras ke la plej trafa rimedo propagandi estas persvadi parole konatulon pri la indeco de Esperanto; sed ne ĉiam estas facile komenci tian interparoladon; montro de deklarfolio donas facilon; oni donu kelkajn klarigojn, kaj oni TUJ subskribigu; ĉe posta renkonto la interparolado pri Esperanto ne plu estos malfacila. ĈIU HELPU.

PROPAGANDA SEKRETARIO.

---

# TRA LA GAZETARO

— PAROOL (Brussel), 21a de Decembro, enhavas tion ĉi (ni tradukas) : « Kvin artefaritaj lingvoj estas nun konataj kiel uzeblaj por internaciaj rilatoj : Esperanto, Ido, Occidental, Novial, kaj Latino sine fleksione. Ekzistas ankaŭ aliaj; unu naskiĝis el la praktiko; ĝi estas tiu kiu eble estas parolata sur la plej granda terspaco; ĝi estas « Pidgin English » de la Kvieta Oceano. »

« Dividi por regi. » Tio ŝajnas esti nun la taktiko de tiuj, kiuj kontraŭstaras Esperanton, por havigi la superecon al nacia lingvo. Neniu el ni, Esperantistoj, preterlasu okazon konvinki konatulon pri la kompleta taŭgeco de Esperanto por ĉiaj uzoj, kaj montri la gravecon de ĝia literaturo.

— Laŭ GAZETTE DE LAUSANNE, lingvaj spertuloj (kiujn oni ne nomas), el sep landoj (oni ne diras kiuj) kunvenis por ekzameni la internacian lingvan aferon. Tiuj spertuloj konsilis la uzon de la franca lingvo por tuta Eŭropo. « Konsiderante la « neeblecon » de ununura lingvo por la tuta mondo », ili proponis du ĉefajn lingvojn : la francan kaj la anglan; kaj, plie, OK *regionajn* helpajn lingvojn : la francan, la anglan, la araban, la hispanan, « la » hindan (?), la ĥinan (mandarinan), la malesan, kaj ankaŭ... « diversajn afrikajn dialektojn ». Se tio ne estas vera, tio estas bone trovita por moki la « lingvajn spertulojn » kiuj juĝas Esperanton, ne funde ekzameninte ĝin, kaj sekve, nomas ĝin « nenaturaĵo ». La esprimo « artefarita lingvo » iam uzata de esperantistoj devus esti forlasita, ĉar oni tradukas ĝin je la senco de « falsa lingvo » : langue artificielle, kunsttaal, tute kiel oni diras « dents artificielles = fausses dents », « kunsttanden = valse tanden ». La lingvo Esperanto ne estas nenatura; *ĝi estas devenaĵo de la historiaj lingvoj, gvidita de geniulo*. Ni esperantistoj ne preterlasu okazon tiel difini esperanton ĉe interparolo kun varbeblaj personoj.

— ESPERANTOBLADET estas okpaĝa revuo de « Norvega Esperantista Ligo »; oni trovas en ĝi interesajn literaturaĵojn kaj propagandajn konsiderojn : en la Oktobra kajero S-ro Olafur S. Magnüssen montras ke « la respondeco de la nuna generacio de esperantistoj estas granda ». « Granda celo atingebla, eĉ dum nemultaj jaroj, *se ĉiu el ni alportos sian brikon kaj helpos en la laboro.* » « Ni memoru tion, ke ni vivas en pli konvena periodo por propagandi internacian helpolingvon kaj la idealon de paco, ol iu antaŭa generacio. » « Neniam antaŭe la homoj pli bezonis pacon kaj amikan interrilaton inter la popoloj. » En la sama kajero F. T. sprite mokas personon kiu volas fari, laŭ sia diro, novan « plibonigon » en Esperanton.

— La Amsterdama PROPAGANDABLAD VOOR HET SPIRITUALISME daŭrigas enpresi redaktaĵojn, ne « pri » Esperanto, sed « per » Esperanto. Tiu ekzemplo estas sekvinda de ĉiu kompetenta esperantisto, kiu havas rilatojn kun redakcio de faka revuo.

— LE MATIN (Antwerpen, 11 Februaro 1948) enhavas longan redaktaĵon de nia senlaca pionirino S-ino Elworthy-Posenaer; ŝi konigas al la legantoj de « Matin » la

reviviĝon de Esperanto en diversaj eŭropaj kaj amerikaj landoj, kaj ĉefe la fervoron de la Braziiaj aŭtoritatuloj al Esperanto.

— LINGUA CLUB, fondiĝis en Mansera (Hispanjo) por lernigi lingvojn kaj diskonigi la diverslandajn literaturaĵojn artaĵojn, sciencaĵojn; ĝi dissendis seplingvan cirkuleron; en la esperanta teksto estas malpli da lingvaj eraroj ol, ekzemple, en la franca. Tiu fakto estas rekomendo por Esperanto.

— LE MOUSTIQUE (Marcinelle-Charleroi, 7 Marto 1948) enhavas *specialan tabelon* pri tagoj, horoj, programoj, ondaj longoj, de radiodissendoj en Esperanto el 15 Eŭropaj dissendejoj. Estas dezirinde ke dankaj leteroj aŭ kartoj (ĉu en esperanto, ĉu en franca lingvo) alvenu multaj al « Moustique » por ke ĝi faru ankoraŭ pli gravan favoraĵon al Esperanto. La adreso estas : 41, rue Destrée, Marcinelle-Charleroi.

— NEDERLANDA ESPERANTISTO (20 Februaro 1948) atentigas pri respondo de S-ro Naegelen, Ministro pri Instruado en Francujo: la Ministro konstatis ke ne plu estas eble ke la franca lingvo estu la ĝenerala perilo por internaciaj rilatoj, ĉar la angla lingvo, pli diskonata ol la franca, estas kandidato por tiu rolo. Sed la akcepto de tiu-'/n ĉi donus al la Anglo-Saksaj popoloj neakcepteblan superecon ĉe la internaciaj rilatoj. Pro tio la Ministro preferas neŭtralan lingvon. Sed antaŭ ol meti tian lingvon sur la programon de lernejoj, la Ministro volas havi certecon ke la aliaj nacioj faros same... NIA KONKLUDO : Esperantistoj, multe lernu, uzu, diskonigu Esperanton. Tio estas la plej efika rimedo por konvinki la regnestrarojn.

— NORVEGA ESPERANTISTO (Februaro 1948) pritraktas la temon de antaŭenirigo de Esperanto. La titolo de la redaktaĵo estas : *Ĉiu Esperantisto estu propagandisto.*

---

## ESPERANTA KRONIKO

— BRAZILO. — Rosaria Esperanto Klubo festis dum pasinta septembro, la unuan datrevenon de sia starigo. Tiuokaze ĝi preparis programeton en formo de bela broŝuro, enhavanta la programon de la festoj, kaj skizon pri la laboro farita.

— BOLIVIO. — Fondiĝis Bolivia Esperanto-Asocio (Asociacion Boliviana de Esperanto), Mayor Carrasco, 346, Piraflores, La Paz. Ni esperas al ĝi sukcesan laboron kaj longan vivon.

— FRANCUJO. — Pro la nunaj malfacilaj cirkonstancoj, estas decidite prokrastigi la Internacian Konferencon kiu estis okazonta je Pentekosto.

---

## BELGA KRONIKO

BRUSELA GRUPO. — *Programoj de la venontaj kunsidoj.* — Ejo : rue au Beurre, 40, Boterstraat, Bruselo. Je la 20a :

Aprilo : la 5an, parolata jurnalo; la 12an, S-ro Castel, « Anarhio »; la 19an, S-ro Everaets, « Familiaj aldonaj salajroj »; la 26an, F-ino Jennen, « Hispanujo ».

Majo : la 3an, parolata jurnalo; la 10an, S-ro Van der Stempel, « Arto de Pensado »; 15an, 16an kaj 17an, Pentekosto, *Belga Kongreso en Charleroi;* la 24an, S-ino Staes-Van de Voorde, « Literatura vespero »; la 31an, S-ro Hart, « Pri io ajn ».

Junio : la 7an, parolata jurnalo; la 14an, S-ro Swinne, « Maurice Chevalier »; la 21an S-ro Loekx, « Kantvespero »; la 28an, D-ro Kempeneers, « Gramatika vespero ».

GENTA GRUPO. — Kunsidoj de l'grupanoj okazos la 10an kaj la 24an de Aprilo, la 8an kaj la 22an de Majo (sabatojn), je la 17a, 1, Bisdomkaai, Gent. Estas memorigate ke ĉiuj anoj de la Grupo povas esti helpataj por la plibonigo de sia kapableco en la esperanta lingvo, pere de perleteraj lecionoj, sen plua kotizaĵo. Ili sin turnu al la Grupa prezidanto.

## BIBLIOGRAFIO

— Tage LINDBOM : *Sveda laborista movado,* el la sveda; tradukis Martin Johansson. Tiu beleta libro estas eldonita de Sveda Laborista Esperanta Asocio, helpe de ekonomia subteno de la Sveda Unuiĝo de la sindikatoj.

En 92 paĝoj, klare presitaj sur bela papero, ĝi priskribas la rolon, kiun la sveda laborista movado ludis dum 50 jaroj en la politika vivo kaj la socia disvolviĝo de la Sveda popolo.

La libro estas bele ilustrita kaj estas havebla por du responkuponoj ĉe Sveda Laborista Esperanto Asocio, Barnhusgatan, 8, Stockholm.

## ANONCOJ

— *Miloš Kušela*, BRNO I, Dornyck 47 Ĉekoslovakio, 22 jara, deziras korespondi kun samaĝaj samideanoj.

— 18 jara studento, fervora filatelisto, deziras interŝanĝi korespondaĵojn kaj poŝtmarkojn. *A. Stöcklein*, BAMBERG, Klostenstr., 6-II, Germanio.

— Komencanta filatelisto ŝatus interŝanĝi poŝtmarkojn kun ĉiuj landoj. *S-ro Gateshill*, 4, Marlow Drive, Handforth, MANCHESTER, Anglujo.

— BUDAISMO. — Belgaj esperantistoj, interesataj de la budaisma filozofio, estas petataj interrilati kun *S-ro M. Kiere*, 64, rue Blanche, Ans (Liège), kiu deziras starigi esperantan sekcion de la Eŭropa budaista societo. Aliĝo estas senpaga.

## NEKROLOGO

S-ro A. STAPPERS, el Ternat, malnova membro de R. B. L. E. kaj delegito de U. E. A.

## BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

Charleroi, 15an, 16an kaj 17an de Majo 1948.

ALIĜILO

Nomo
- S-ino ..........
- F-ino ..........
- S-ro ..........

Adreso ..........

| | | |
|---|---|---|
| Kongreskotizo ... | 40 fr. ... | fr. ......... |
| Dimanĉa tagmanĝo ... | 80 fr. ... | fr. ......... |
| (servo kaj trinkaĵo enkalkulitaj). | | |
| Dimanĉa festeno (vespero) ... | 100 fr. ... | fr. ......... |
| (servo kaj trinkaĵo enkalkulitaj). | | |
| Lunda ekskurso... | 5 fr. ... | fr. ......... |
| Loĝado ... | ... | fr. ......... |
| (laŭ elekto : vidu ĉi sube) ... | ... | ... |
| | Sumo ... | fr. ......... |

Al la kongresanoj kiuj deziras partopreni nur unu komunan manĝon ni tre konsilas ke ili bonvolu elekti la vesperan festenon.

Bonaj ĉambroj povas esti luataj por unu nokto, je :
55 ĝis 125 fr. por unu persono;
55 ĝis 180 fr. por du personoj;
70 fr. por 4 personoj (2 litoj).

Mi pagas la sumon al la poŝtĉekkonto n-ro 7410.49 de P. Paulus en Charleroi.

Mi alvenos .......... Mi foriros ..........

Subskribo kaj rimarkoj : ..........

Sendota senprokraste al Loka Kongresa Komitato, 60, rue du Grand-Central, Charleroi.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Ch. POUPEYE, 42, Elf Julistrato, Bruĝo.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.

KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asioco

**(IEL kaj UEA kunigitaj)**

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj)... ... ... ... ... ... ... ... fr. 75
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... ... ... 35

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo ;
a) *Membro kun Jarlibro :*
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 120
b) *Membro Abonanto :*
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 185
c) *Membro Subtenanto :*
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

Imprimerie LIELENS, s. p. r. l., rue de la Princesse, Bruxelles. - T. 21.10 98